Karl Jost

No 1 Bern, 29an de julio 1938





# NI VOKAS VIN!



Oficiala Kongres-Gazeto
de la 31a Universala Kongreso de Esperanto
29a Julio — 5a Aŭgusto 1939 BERN — Svislando

Eldonanto kaj redakcio: Loka Kongresa Komitato, Bern, Bundesgasse 18 Telefono 37.237

## Ni vokas vin!

### Karaj gesamideanoj,

Eble la titolo de ĉi tiu malgranda gazeto mirigas vin. Kiel saluto de Svislando kaj ĝia bela ĉefurbo Bern, ĝi estas metata la unuan fojon en viajn manojn. Longe ni pristudis, ĉu ni sendu al vi „ursan poŝton" aŭ ion similan. Sed finfine instigis nin la entuziasmo pri la fakto, ke proksimjare ni havos la honoron, okazigi la 31an Universalan Kongreson de Esperanto baze de niaj majestaj alpoj, al tiu kuraĝa nomo. Tre ofte vi aŭdos tiun vokon ek de nun, ĉar ni deziras, ke niaj geamikoj de ĉiuj landoj venu multnombre al nia patrujo, por ke nia mondlingvo estru de la 29a de julio — 5a de aŭgusto la bildon de la svisa ĉefurbo.

Vi ĉiuj, karaj geamikoj scias, ke Svislando estas la lando de la paco. Multajn vundojn batitaj de la mondmilito ĝi provis sanigi. Ĉiam trovis homoj, forpelitaj de sia patrujo, azilon aŭ novan patrujon en tiu bela malgranda lando. Svislando, kiu antaŭ nelonge feste deklaris antaŭ la popoloj sian integran neŭtralecon, ne sentas sian eminentecon en la batalo de la popoloj je superrango, sed en interpacigo de la popoloj, en paca laboro. Nia lando estas gastama ĉambro en kiu la germana, la franca, la itala kaj la romanĉa lingvoj samrajte estas parolataj. Ĉu tiu lando ne povus esti bonega fundo por nia Esperanto?

Svislando, la plej juna membro de Internacia Esperanto Ligo, jam hodiaŭ, tutan jaron antaŭe vokas „koran bonvenon" al la Esperantistaro. Ni estas certaj, ke la etikaj taskoj de nia patrujo harmonias kun la celoj de la Esperanto movado, kiu same laboras pro la interkomprenigo de la popoloj kaj rasoj, kaj por reciproka komprenado de tiuj, kiuj estas apartigitaj pro lingvaj bariloj. Esperanto privenkos ilin.

Vi vidos 1939 urbon, kiu en tuta mondo estas konata kiel ĉefurbo de Svislando. Vi eltrovos ankaŭ urbon kiu estas unu de la plej belaj en la mondo, kiu sukcesis gardi sian gloran, historian unikecon ĝis la hodiaŭa tago, urbon kiu parolas de progresema, diligenta senco de siaj civitatanoj, de ilia sento por beleco, kaj de ilia bonstato. Sed vi ankaŭ trovos popolon kiu kore ĝojos bonvenigi vin ĉiujn, kiu akceptos vin kiel siajn karajn gastojn.

La Kongreso estu, tiel estas nia volo, amika festo de la Esperanto - komunumo, por neniu forgesebla. Ni penos ĉe tiu okazo montri al vi ankaŭ nian belan patrujon, kaj, se vi proksime en la sudo vidos la arĝentan ĉenon de niaj montoj, tiam vi komprenos ke ni metis en la silueton de tiu alta remparo la vortojn:

**„Ni vokas vin,"**

Loka Kongresa
Komitato Bern.



La berna katedralo kun la bela teraso.

# XXXIa Universala Kongreso de Esperanto

**Bern, 29a julio — 5a aŭgusto 1939**

## Unua informilo

**Organiza komitato:**

Honora prezidanto J. Schmid, prezidanto de 9a kongreso 1913.

Prezidanto: H. Buchli, direktoro de berna trafikoficejo.

Vicprezidantoj: S-ro Dro W. de Lerber, kaj reprezentanto de la urbeŝtraro.

Ĝeneralaj sekretarinoj: O. Walder, prezidanto Esperanto Societo Bern
M. Ardüser
F-ino G. Merz.

Ĉefkasisto: A. Hilfiker, komercisto.

Propagando, Gazetaro: D-ro A. Ebert, redaktoro.

Loĝado, manĝoj: M. Budliger, sekretario de hotelista societo.

Ekskursoj: A. Pfister, fervoja oficisto.

Plezuroj: E. Kohlund, regisoro de urba teatro.

kaj pliaj anoj de Esperanto Societo Bern.

**Adreso por leteroj:** 31a Universala Kongreso de Esperanto, Bern.



**Kongresejo:** Kasino, urba koncertejo.

**Kotizoj:** Ĝis 31. 12. 38 svisaj fr. 20.—, ĝis 31. 3. 39 sv. fr. 25.—, post 31. 3. 39 sv. fr. 30.—.

La edzo aŭ edzino de kongresano, same gejunuloj ne pli ol 20 jaraj pagas la duonon de tiuj ĉi sumoj.

Plej oportune vi pagas al nia poŝtĉeka konto III 11611 aŭ per svisaj monbiletoj aŭ al nia bankkonto ĉe Volksbank Bern.

**Blinduloj:** Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos senpage kongreskartojn, sed iliaj aliĝoj estu aprobitaj.

**Aliĝiloj:** Haveblaj ĉe la kongresoficejo, ĉe la ĉefaj gazetoj kaj Landaj asocioj.

**Donacoj:** Donacoj helpas al plena sukceso de la kongreso kaj la Organiza Komitato antaŭdankas al donacantoj.

**Blindula Kaso:** Por ebligi al blinduloj la kongrespartoprenadon la Organiza komitato danke akceptas donacojn por tiu kaso.

**Glumarkoj:** Aĉetu niajn ĉarmajn glumarkojn. Prezo por kvindek 60 centimoj aŭ 2 internaciaj respondkuponoj.

**Loĝado kaj manĝado:** Komence de 1939 oni dissendos la loĝmendilojn. La berna fakulo por enloĝado prizorgos favoran kuponaron por diversaj kategorioj. Precizaj informoj en proksima kongresgazeto.

**Fakaj kunvenoj:** Organizontoj bonvolu frue anonci siajn dezirojn.

**Oficiala kongresgazeto:** Ĉiu kongresano ricevos la oficialan kongresgazeton „Ni vokas vin", antaŭvidita estas ok numeroj, la lasta enhavos la raporton pri la kongreso. La unua numero estas multnombre forsendata kiel varbgazeto, nevizitontoj de la kongreso estas petataj transdoni ĝin al interesuloj aŭ anonci ties adreson al LKK.

## Provizora kongresprogramo

**Sabato 29a de julio.**

Antaŭtagmeze: Malfermo de la kongresoficejo. Akcepto en la stacidomo kaj gvidado al la loĝejoj.

Vespere: Interkonatiĝa vespero en ĝardeno de Kursaal aŭ Kasino.

**Dimanĉo 30a de julio.**

Matene: Surmonta diservo sur Gurten aŭ diservoj en la preĝejoj.

11a horo: Solena malfermo de la kongreso en granda salono de Kasino.

Posttagmeze: Diversaj ekskursoj al la ĉirkaŭaĵo de Bern.

Vespere: Je dispono de la kongresanoj.

**Lundo 31a de julio.**

Antaŭtagmeze: Ia laborkunsido de IEL, Prelegoj.

Posttagmeze: Fakaj kunsidoj. Gvidado en grupoj tra Bern aŭ rondveturado.

Vespere: Teatra vespero en urba teatro aŭ festsalono de Kursaal.

**Mardo 1a de aŭgusto.**

Antaŭtagmeze: 2a laborkunsido de IEL, Prelegoj.

Posttagmeze: Fakaj kunsidoj, paroladoj, Gvidadoj tra la urbo.

Vespere: Partoprenado ĉe la federacia fondfesto, en grupoj.

**Merkredo 2a de aŭgusto.**

Tuttaga ekskurso al la Berna Superlando, al Jungfraujoch kaj aliaj ravaj lokoj.

**Jaŭdo 3a de aŭgusto.**

Antaŭtagmeze: 3a laborkunsido de IEL, Prelegoj.

Posttagmeze: Aŭtobusaj ekskursoj super pasejo au al lago.

Vespere: Internacia kostumbalo en ĉiuj salonoj de Kursaal.

**Vendredo 4a de aŭgusto.**

Antaŭtagmeze: Fakaj kunsidoj, Prelegoj.

Posttagmeze: Diversaj ekskursoj al historiaj lokoj: Murten, Laupen.

Vespere: Subĉiela Festa prezentado.

**Sabato 5a de aŭgusto.**

10.00: Fermo de la kongreso en granda salono de Kasino.

Posttagmeze: Gvidado tra la muzeoj, ekskursoj.

**Dimanĉo 6a de aŭgusto:**

Vizito de la svisa nacia ekspozicio en Zürich.
Libervolaj promenadoj en Bern.

**Postkongresaj aranĝoj.**

5a—12a de aŭgusto:

1. Tutsemajna ekskurso tra la plej belaj regionoj, trans pasejoj kaj al montlagoj.
2. Libertempejo ĉe lago de Thun.
3. Libertempejo sur paŝtejo.





La malnova Bern, ĉirkaŭfluata de la Aare. En ĝiaj stratoj oni vidas ankoraŭ la belan, valoran bernan kostumon.

# Pri Berno antikva

La mito rakontas, ke la urbo Berno sian nomon kaj sian blazonon — supren paŝanta urso — dankas al ĉasado al ursoj sukcesa de sia fondinto, la duko Berĥtold V-a de Zähringen. Trovaĵoj el la keltoroma epoko, faritaj en la ĉirkaŭo de Berno, tamen rajtigas konkludi, ke jam longe antaŭ la fondo de la urbo en 1191, la urso en ĉi tiu teritorio estis objekto de religia kulto, kiu postvivis en la memoro de la tiama tempo.

Sur la duoninsulo Enge, ĉirkaŭfluata de la Aare, la foso-esploradoj klare pruvas, ke sur la loko de la nuna urbo Berno, jam ekzistis grava helveta kolonio, etendiĝanta laŭlonge de la grava ĉefstrato, kiu ĉi tie transiris la riveron.

Berĥtold de Zähringen protektis ĉi tiun transirejon okcidenten unue per la kasteleto Nidegg. Lia komisiito, la militisto Bubenberg, gvidata de nepre strategiaj principoj, efektivigis la protektadon de la ceteraj flankoj per urbo ĉirkaŭata de fortikaj muroj. Pro tio li sur la monteta altaĵo, kaj apud la ĉefa transira strato, konstruis sistemon de larĝaj paralelaj stratoj, kiuj dank' al pluraj transversaj stratoj estis facile kaj plej oportune alireblaj.

Pro la protekto, kiun en la tiama, maltrankvila epoko la urbo Berno kun siaj muroj kaj turoj ĝuadis, la nombro de ĝia loĝantaro rapide kreskis. La simplaj konstruaĵoj el ligno kaj trabaĵoj kun siaj tegmentoj el pajlo kaj ŝindoj, konstante pli alproksimiĝis reciproke, tiel ke oni estis devigata, konstrui la superajn etaĝojn eksteren super la straton kaj subteni ilin per kolonoj. Tiu ĉi konstrumaniero restadis ankaŭ en la postaj jarcentoj, kaj Berno konservadis ĝis la nuna tempo sian tiel apartan, kiel unuecan eksteraĵon, kiun admiradas ankoraŭ nun ĉiu vizitanto de la federala ĉefurbo. Ekde la fondepoko ankaŭ konstante fluadas la urba rivereto tra la ĉefa strato. La aperta kanaleto, en kiun fluadas la kromakvo de la multnombraj fondoj, servis por forigi la rubojn, pro kio jam en la mezepoko Berno estis konata kiel plej purema urbo de Eŭropo. Pro la multiĝanta trafiko oni devis, en la urba interno, kovri la rivereton per ŝtontavoloj.



La Kesslerstrato, unu de la tipaj, ambaŭflanke de arkadoj garnitaj stratoj de malnova Bern, la turo de la katedralo en la fondo. Maldekstre gotika korbelo. En la arkadoj, kiuj estas tipaj por la tuta malnova urbo, regas depost jarcentoj la metia kaj komercista vivo de la urbo. Origine konsistis la urbo el lignaj domoj. Depost la urbobrulado de 1405 estas nur permesata konstrui domojn el ŝtono. Ili konsistas senescepte el sabloŝtono, kiu, en formo de grandaj kuboj, estas elprenita de la ŝtonrompejo oriente de la urbo.



La urba domo, fiera esprimo de la komuna sento de la malnova urbo-respubliko, konstruita 1406—1416.

Kiam la duko Berĥtoldo V-a mortis en la jaro 1218, la tribo de la Zähringoj estingiĝis. Ĝian posedaĵon parte heredis la triboj de Savojo kaj Kyburgo, parte ĝi revenis al la imperio. Tiel Berno fariĝis imperio urbo libera. Sed ĉar dum la interreĝado ne nur la tribo de Kyburgo, sed ankaŭ tiu de Savojo, klopodis konkeri la gravan transirejon de la Aare, kaj ĉar Berno timis, ne esti sufiĉe forta, por bridi ambaŭ danĝerajn kontraŭulojn, la urbo en la jaro 1255 metis sin sub la protekton de la duko Petro de Savojo. Ĝi poste neniel devis ĉagreni pro la rezigno al la imperia libereco, ĉar la duko de Savojo ne nur protektadis, sed eĉ favoradis Bernon. Li ekzemple per solida ponto anstataŭis la pramon, kiu peris la trafikon trans la riveron. La antaŭurbon, kiu ekestis apud la okcidenta ĉefpordego, la nuna Käfigturm (karcera turo), li ĉirkaŭis per duobla zonmuro, kiu norden kaj suden atingis ĝis la Aare. Certe sub la Savoja regado la urbo tre prosperis, sed iom post iom la dependeco de la prefektoj ne plu kontentigis la bernanojn. Post la morto de Petro de Savojo la kastelo Nideck estis detruita kaj en la jaro 1274 Berno atestigis de la reĝo Rodolfo de Habsburg siajn rajtojn kaj liberecojn.

La florada epoko de Berno antikva komencis, kiam la bernanoj en 1339 venkis Karolon la Aŭdacan. Pro la kreskanta graveco de la urbo senĉese novaj loĝantoj alvenis, tiel ke antaŭ la pordegoj de la malnova urbo ekestis nova antaŭurbo. Ankaŭ tiu ĉi estis protektata per muroj kaj turoj, kiuj dum preskaŭ kvin jarcentoj ĉirkaŭis Bernon.

Kiel lasta resto de tiu ĉi obstina fortikaĵo, la turo de Christoffel devis cedi pro la kreskanta trafiko. La nuna strato de Christoffel memorigas ankoraŭ pro la loko, kie iam staris tiu ĉi rezistforta konstruaĵo.

El la konstruaĵoj de la primitiva Berno neniu estas konservita ĝis nun. La diversaj pereigaj incendioj, el kiuj tiu de 1405 cindrigis preskaŭ la tutan urbon, samkiel la senĉesa kreskado de la prosperanta koloniigo forigadis la lastajn postsignojn de la fondepoko, escepte de malmultaj restaĵoj en la fundamentoj de la preĝejo Nydeck kaj de la horloĝturo.

La fama Zeitglockenturo (horloĝturo) devenas de la plej antikvaj tempoj de la urbo Bern kaj estis ĝis 1255 la supera ĉefpordego de la urba fortikaĵo. 1530 la turo estis ornamita kun la hodiaŭa artoplena horloĝo, kun la kalendara horloĝo kaj la sonorilludo, laboroj de la majstro Kaspar Brunner. Dume la sonorilludo anoncas la kvaronajn kaj tutajn horojn, ora kavaliro en la tura pinto heroldas kun malproksimen sonoranta bato la horon. La horloĝturo estas la plej bela de la urbo kaj unu de la plej malnovaj ekkoniloj de Bern. Ĝi vidis preterpasi la tutan fieran historion de Bern. Ankoraŭ ĝi portas la kronon de la dukoj de Zähringen, la urbfondintoj.





La kalendara horloĝo de la Zeitglockenturo. Ĝi konsistas el 24 hora ciferplato, montras plie monaton kaj tagon, la semajnotagon, la zodiakajn insignojn, la konstelacion de suno kaj luno.

Ĉe la rekonstruado de la urbo post la granda incendio, anstataŭ la lignaj domoj kun ŝindaj tegmentoj ekestis ŝtonaj domoj kun tegmentoj tegole kovritaj kaj pli lumigaj fenestroj. Diversaj domoj, inter ili ankaŭ la kaduka ĉefa preĝejeto devis cedi la lokon al la belega katedralo, kies fundamento-ŝtono estis metita la 11-an de Marto 1421. La filo de la konstruinto de la katedralo de Strasburg, Matthäus Ensinger, skizis la planojn kaj komence ankaŭ gvidis la konstrulaboron de la berna ekkonilo. La konstruado de la katedralo, kiu daŭris ĝis la 17-a jarcento, efikis, ke en la bernaj konstruaĵoj de tiu epoko la malfru-gotika stilo regadis. Ni do ankoraŭ nuntempe trovas multajn atestilojn de tiu konstrumaniero el pli malfruaj tempoj kaj en malnovaj domoj de la urbo.

La antikva Berno estis precipe urbo de metioj kaj de industrio. Pro la konstanta lukto por la sendependeco, la ĉiam defendema loĝantaro komence ne disponis la necesan tempon por pli insista intelekta laboro. Nur en la epoko post 1406 Berno fariĝis komunumo de eŭropa signifo, kiu kun reĝoj kaj regantaj princoj intertraktis sur la bazo de egalrajteco.

Se ja Berno, kiel jam dirite, ne postlasis signojn el sia plej frua tempo, ĝi feliĉe kompensis tiun mankon, konservante multnombrajn atestantojn el la mezepoka florada tempo. La stila pureco de la fiera urbdomo, de la alten celantaj pordegoj, el kiuj la plej konata estas la horloĝturo kun ĝia mondfama sonorila muziko; tiu stila pureco estas konstatebla eĉ en la burĝaj domoj de la lasta tempo, kiujn ni renkontas en la malnovaj urbopartoj. Tiu ĉi aparta beleco de la urbo estas ankoraŭ multigata per la florgarnitaj fenestroj, kies lumanta brilado miksas ĝentilan nuancon en la severon de la altaj konstruaĵoj.

Tiamaniere la glororiĉa estinteco de Berno vivadas ĝis la hodiaŭa tago, prizorgata kaj flegata de loĝantaro, kies vivadema, konsiderema persisteco, kune kun ofervola sento por komuneco, estas nepereigebla heredaĵo de fieraj praavoj.



Meze de la brilaj svisaj montoj: La Blümlisalp-grupo kaj la Doldenhorn.

# Svislando — kongreslando

Grandaj kongresoj kaj kunvenoj estas okazoj servantaj al koncentrita laboro kaj al festa impulso, al ideointerŝanĝo kaj al persona interrilato trans longaj distancoj kaj apartigaj landlimoj. Ili estas manifestacioj de la internacia kulturvivo, de la spirita kunlaboro en diversaj fakoj, kaj de la organizo de novtempaj progresoj sur plej ĝenerala bazo. La loko, elektata por tia okazaĵo, povas esti de decida graveco por la sukceso de la kunveno; ĝi povas konsiderinde influi la riĉecon kaj enpensigon de la impresoj, kiujn kongreso, kunveno de partoprenantoj alkurantaj de ĉiuj mondpartoj, povas prezenti. Svislando estas fiera je sia ĝisfunda famkonateco kiel taŭga kongreslando, ĝi estas atingita pro malnova tradicio kaj pro daŭraj penadoj. La plej diversaj faktoroj kunlaboras en feliĉiga maniero, por certigi al internacia kunveno favoran medion, freŝigan atmosferon, kaj multflankan pliriĉigon de la programo. La gastama Svislando ĉiam denove klopodas fortigi tiun famon kaj meriti ĝin per siaj fatoj. Jam la geografia situo de Svislando, en la koro de Eŭropo bone influas internacian kongreson. La elekto de lando facile atingebla de ĉiuj flankoj post mallonga veturado, garantias grandan vizitnombron por la kongreso. Kontraŭe la elekto de ekstreme situanta kunvenloko kaŭzas grandajn oferojn je tempo kaj pli malgrandigas la ĉeestantaron. Pro bonegaj internaciaj rapidvagonaraj interkomunikoj kaj multnombraj fluglinioj la vojaĝo fariĝas plezuro; en Svislando la vojaĝado mem estas ja vera plezuro. En svisaj urboj kaj kongreslokoj eĉ la plej granda kongreskomunumo facile trovas komfortan loĝadon. Por homoj de grandurboj, la restado en svisa mezgranda urbo estas jam vera refreŝiĝo, plie la grandaj kuraclokoj kunligas la lukson de urbaj instalaĵoj kun la ĉarmo de kampara medio. La komprenema kaj akceptema mondlerteco de la svisa enloĝantaro, kune kun la tradicia gastamo de la lando agrabligas kaj plezurigas al kongresanoj ankaŭ mallongan laborrestadon. Krom la civilizacio de la bonflegita fremdul-industrio kaj la agrabla vojaĝado en Svislando estas konata la libereca neŭtrala atmosfero, kiu kunhelpas egaligi kontraŭojn kaj kiu akcelas reciprokan interkunpreniĝon. Jam dum la grandaj politikaj kaj socialaj krizotempoj de la 19a jarcento, same dum la periodo de mondrigardaj kaj kulturaj konfliktoj, Svislando estis rifuĝejo de liberaj opinioj, forumo de senzorga interparolado. Hodiaŭ la eksterlanda gasto same sentas la neŭtralan demokratan Svislandon kiel eksterordinare fruktoriĉan fundon por spirita interparolado, por homa alproksimiĝo kaj reciproka sinkomprenado. La multlingva Svislando, situante je la tranĉpunkto de la lingvaj kaj kulturaj ĉefregionoj de Eŭropo, montras altan kultur-gradon kaj forte regionale akcentitan spiritvivon. Tial la spirita laboro de kongreso trovos en la intelekta doni kaj preni plej bone preparitan medion. La svisaj altlernejoj kun sia klare esprimita karaktero donas al la spirita vivo de multnombraj urboj de german-kaj franclingva Svislando firman bazon.

La svisaj altlernejoj, ĉefe la teknika altlernejo en Zürich



Zeitglockenturo, unu de la ekkoniloj
Bern kun la Zähringa fonto.

kaj la novtempe instalitaj universitatoj de Zürich, Basel kaj Bern, de Freiburg, Lausanne kaj Ĝenevo volonte disponigas siajn instruejojn, institutojn kaj laborejojn al internaciaj kongresoj. Kelkaj urboj penadas agrabligi la okazigon de grandaj kunvenoj per disponigo de apartaj kongresejoj. Aro da sciencaj kolektaĵoj kaj esplorinstitutoj, da muzeoj kaj vidindaĵoj donacas al la internaciaj gastoj interesan instruon kaj pliriĉigas la impreson de ilia kongresvojaĝo. Al tiu kongresano, kiu post lacigaj, laborriĉaj kunsidoj deziras konigi la kongreslandon dum ferio-vojaĝo aŭ rondveturado, prezentas Svislando kiel vojaĝlando sian tutan riĉecon je alpaj pejzaĝoj kaj famkonataj kuracregionoj. Ĉiutempe la lando estas preta por akcepto de kongreskomunumoj kiuj deziras feston de spirita laboro kaj entuziasmiga societemo.

# Kial Svislando estas alloga?

Depost baldaŭ du jarcentoj Svislando estas vizitata de ĉiulandaj turistoj. De migrantoj kaj montgrimpantoj, de esplorantoj kaj ĝuantoj, de laborhomoj kaj resaniĝantoj. El la ĝojigaj rememoroj de miloj formiĝas la famo de Svislando kiel vojaĝlando. Bezonas fortajn, naturajn kaj daŭrajn fortojn dum hodiaŭa tempo, por gardi tian famon al lando, kiam distancoj kvazaŭ ne plu ekzistas kaj ĉiuloke sur la mondo logaj vojaĝceloj ekaperas. Kiu estas la motivo de tiu legenda famo, kiu ĉefe hodiaŭ estu vivanta kiel neniam antaŭe?

La plej memvola respondo verŝajne ĉiam restas: La montoj nin allogas! La sama kaŭzo do, kiel meze de la 18a jarcento, kiam la montara regiono mistere kaj minace efekcis je superstiĉuloj. Kaj la same origina entuziasmo kaj kontentigo kiujn sentis Goethe, estinte en Schwyz la unuan fojon vere proksime de la montoj, emocias ankoraŭ hodiaŭ la homojn de la ebenaj landoj, la enloĝantaron de la grandurboj, kiam, tute proksime ili vidas suprenleviĝi rokegojn. Mi ne forgesos la ardan scivolemon de hungara familia patro, kiu en Unterengadeno, elrigardinte la vagonan fenestron haste demandis: Ĉu St. Moritz havas glaciejojn? Multaj turistoj kiuj pensis vidi la glaciejojn tute antaŭ la hotela fenestro de sia kuracloko estis tamen ne seniluzigiitaj, kiam ili vidis kiel facile kaj agrable la glaciejokavernoj estas atingeblaj ek de la grandaj kuraclokoj.

Svislando pliriĉigis kaj pligrandigis la geografian scion de sennombraj homoj pro plezura rigardado. Ankaŭ en aliaj landoj estas ja montoj kaj montaraj kuraclokoj, sed la aparta allogo de nia lando estas la unikaj grandeco kaj multformeco de siaj montaj regionoj. Plej-belaĵoj en alpa kamparo sinsekve situas de Piz Bernina al Matterhorn kaj Monte Rosa, de Jungfrau-masivo ĝis la Mont Blanc-regiono. Por turistoj kiuj veturis longan vojon por konigi Svislandon, estas aparta logo viziti la plej diversmanierajn alpo-regionojn dum sia restado en la negranda lando. El tio ili ĉerpas aron da impresoj, kiuj daŭre feliĉigas ilin kaj ili revenas, ĉar ili klare sentas, ke dum unu sola restado en Svislando oni ne plene satiĝas de la majesta vido de la montoj. Tiel enmemorigas la vojaĝbildoj de vizito al vizito, de gasto al gasto, de generacio al generacio, al arego da turistoj. Tiel formiĝas la neresistebla allogo, kiu instigas ĉiam aliajn, novajn homojn en la plej malproksimaj landoj konatiĝi kun Svislando, la fama vojaĝlando.

La sekreto de la svisa pejzaĝo estas ĝia riĉeco je surprizaj kontrastoj. De la plej altaj regionoj, kie la alpoj fariĝas senpera travivaĵo, post komforta, malmulthora veturado lagobordoj estas atingeblaj kun ravanta ĉarmo de Riviera. Mirinda estas la vido de la florornamitaj lagobordoj de Lugano kaj Locarno al la proksimaj montoj, brilantaj pro novfalita neĝo. Mirindajn kontrastojn, kunigitajn en bildo oni ĝuas vidante el fenestro, de balkono aŭ de ĝardeno hotela. Ĉe la Ĝeneva lago etendiĝas inter Vevey, Montreux kaj kastelo Chillon aro da mirindaj lagogolfoj, ĉe kiuj oni spiras la ĉarmon de suda klimato, sed tamen, la montojn oni scias en facile atingebla proksimeco. La kontrastoj ampleksas ankaŭ la regionon de la grandaj svisaj urboj. Bern situas kiel historia enloĝigo de unika konstruarta beleco en la centro de Svislando. Sed tie oni ne nur devas supozi la montojn, tie ili etendigas triumfe sian panoramon. En Luzern, en Zürich aŭ en Ĝenevo oni admiras la belecojn de ĝardenurbo ĉe lago, kaj ĉie la montoj estas la brilanta fundaĵo de la bildo.

La allogo de Svislando kiel vojaĝlando ne nur estas motivita pro ĝiaj pejzaĝaj valoroj, sed estas ĉie konata ke Svislando estas la lando de la agrabla vojaĝado, de la komforta kuracrestado. La pejzaĝaj belecoj estas trafikteknike ekspluataj kiel en neniu alia lando. Sub tio oni estinte ĉefe komprenis la ambicion de montfervojoj, per kiuj ĉiam novaj elvidpunktoj estis facile atingebligitaj. Plie, por pligrandigi la vojaĝkomforton estis konstruitaj multe da interligaj fervojlinioj, inter la unuopaj trafikregionoj. Rapidvagonaraj linioj komunikas ekzemple la Bernan Superlandon kun la Ĝeneva lago, Davos kun St. Moritz, la Engadenon kun Zermatt, ĉi tio estas senkompareblaj laboroj de la moderna trafikrekniko. Krome estas menciindaj la sennombraj pasejo-veturadoj de la alpa poŝtaro.

Svislando estas ankaŭ laŭ civiliza vidpunkto, laŭ komforto de la kurac-restadoj ĉiam bonekzempla. La svisa hotelistaro ofertas ne nur en kelkaj lokoj aŭ hoteloj komfortan restadon, sed en ĉiuj kuraclokoj, kaj en ĉiuj hotelkategorioj, sanigejoj kaj pensionoj, do ĉe ĉiuj eblaj surprizoj de la vojaĝo, malagrablaĵoj estas kvazaŭ neeblaj. Tio donas senton de maltimo al la vojaĝanto. Ne nur ĉe la valstacidomoj aŭ turistaj elirejoj, de kiuj Interlaken estas la plej nobla ekzemplo, sed ankaŭ en la plej belaj altvaloj dum la lastaj jaroj kuraclokoj de universala konateco prosperis. Davos, Arosa, St. Moritz kaj Pontresina kiel ankaŭ Zermatt prezentas al la internacia vizitantaro ĉian komforton al kiu oni povas alkutimiĝi en grandurbo. Tial Svislando estas vere internacia vojaĝlando, kaj ĉiu ajn scias dekomence ke tie li trovas gastejojn kaj kuracejojn, florantajn eduk- kaj instruad-institutojn same kiel ĉiujn eblecojn da sporta okupado. Jen la superecoj kiujn Svislando pro jardeka, celkonscia laboro akiris, kaj kiuj kaŭzas ĝian daŭran allogon.

## Svisa Registaro kaj Universala Kongreso de Esperanto

**La Svisa federacia konsilantaro decidis akcepti la patronaton de la 31a Universala Kongreso, okazonta 1939 en Bern. Kiel prezidanto de la honora komitato estas elektita la ministro por trafiko, fervojo kaj poŝto, federacia konsilanto PILET-GOLAZ.**

**Okaze de la malferma kunsido de 30a kongreso en Londono, la Svisa ambasadoro en Londono, ministro Paravicini salutos kaj bonvenigos la kongresanaron nome de Svislando.**

**Ankaŭ la registaroj de kantono kaj urbo Bern tre interesiĝas pri la kongreso, ankaŭ tiuj aŭtoritatoj estos reprezentotaj en la honora komitato.**



La sovaĝ-romantika Oeschinenlago ĉe Kandersteg.

# „Berner Oberland“ kiel libertempejo

Ĉiam oni serĉas komparojn. Ankaŭ mi serĉas, sed kompreneble nenion trovas. Do mi kovras la malplenan pensokeston per mia ĉapelo kaj ĵetas min en la liberan aeron. Feno akceptas kaj ĉirkaŭblovas min. Estas maja tago. Ŝprucas kaj sovaĝas la alpa rivero, ĝi ĵetas al mi manplenon da freŝa ŝaŭmo. Mirinde. Denove mi serĉas — komparojn.

La historion pri la vizit-ĉambro en la Berna lando oni konas. Ĝi cetere malaktualiĝis. Oni ja ne plu konstruas vizitoĉambrojn, ĉefe nur semajnfinajn dometojn ankoraŭ. Do mi serĉu en la pleja proksimeco: riveron, arbon, monton, domon — — aŭ puton? Mi pripensis — malaprobis. Dio scias, ne facilanime mi tion faris. Volonte mi ekkaptus.

Jen mi renkontas knabinon, helblondan, blu-okulan. Ruzete ŝi demandas: „Kion vi faras?“ Kvazaŭ oni povus diri tion.

Efektive mi tamen povus tion, ĉar subite mi scias: jes, jes, jen la afero! Viveca, moviĝema kiel hidrargo ŝi estas, certe ŝi ne estas monakino. Tie ŝi paŝas jam en la malsupra vojkurbiĝo; ankoraŭfoje ŝi mansignas: „dankon!“ Jes, estas vi Berner Oberland.

Kiel libertempejo? Ho, for tiu malbenita vorto! Ni restu ĉe la konkludo: Berner Oberland similas al dudekjarulino! Ĉiam kaj eterne, tiel longe, ke ekzistas tiaj junulinoj, gracitaliaj kaj ĉarmaj, helblondaj, blu-okulaj kaj tiel longe, ke meze en tiuj bluaj okuloj lumas profundega vivero — kapriceta, flamiĝema, sed ankaŭ melankolie meditanta, kantanta, ridanta kaj — ploranta. Ĉiam kaj en ĉio terfidela, ĉar mem estante peco de plej nobla tero.

Junulino, vi estas Berner Oberland en koncentrita miniaturo. Tiel, kiel vi nun paŝas tie inter la freŝa foliaro, tiel aspektas via granda spegulobildo, ek de Basel, de Bern, de Zürich — je ĉiuj flankoj: forloga voko.

Ek! Do tien ni iru per ekspresvagonara rapideco de Thun, tra Lötschberg, de Montreux, trans Brünig. Cetere estas ankoraŭ aliaj enirejoj. La neĝon oni jam disĵetis. La alpaj transpasejoj estas liberaj. Sen iaj malhelpoj oni rapidege veturas trans la Grimsel-, Pillon- aŭ Jaun-pasejoj, aŭ oni

---

**Ni ĉiuj profitas de granda kongresanaro, tial helpu varbi!**

---

**La Universala kongreso estas la plej efika manifestacio de nia movado. Ju pli granda la vizito, des pli granda la efiko.**



La majesta Doldenhorn kun siaj sovaĝaj glacio-derompaĵoj.

grimpas senurĝe trans Gemmi, Ravil aŭ Sanetsch. Kaj tiuj eblecoj ankoraŭ ne estas ĉiuj sekretaj kaj nesekretaj vojoj. Kion faras la „Kilt"-buboj?*) Tra la fenestro ili rampas. Ankaŭ tio estas ebla. En la nuna tempo, kiam skioj, montfervojo kaj aŭtomobilo tiel ofte renkontiĝas, estas bagatelo elekti la irvojon ĝuste trans la Jungfraŭjoch.

Kredu nur, valoras rigardi en la okulojn de tiu junulino. La luno tion asertas. Ĵus ĝi denove suprengrimpas la kreston de Engelhorn, samtempe sin rigardetas en la Thun- kaj Brienzlagoj kaj arĝentumas la flankojn de la Jungfraŭ por la promenantaj fremduloj en Interlaken. Per duona orelo ĝi iom aŭskultas la sonojn de la bonega kazino-orkestro kaj poste transgrimpas rapidege ĉiujn barilojn. Ĝi ĵetas sian lumon sur preĝejojn kaj vilaĝojn, trans malnovaj muroj. Ĝi restetas ripoze en la valo de la Simme, sur benita alpo, ekbriligas akvofalojn kaj paŝtas la ĉamojn en la Frutig-lando. Ĝi scias ankaŭ rakonti pri aglidoj, pri kavoj de vulpoj, meloj kaj marmotoj. Ĝi blindigas la nokto-kutimitajn okulojn de gufo. Ĝi gratas la lumbojn de la kaprikorno. Efektive, ekzistas tie kaprikornoj. Antaŭ jaroj oni transplantis ilin kaj nun ili grimpas sur Harder, Schwarzmönch, Wetterhorn kaj Engelhorn.

*) „Kilt"-bubo, tipa berna esprimo por la junuloj, kiuj ŝteliras al la ĉambro de sia amatino.



La ĉarma Blausee (blua lago), la blua okulo de la Berna Oberlando.

Ne forgesendaj estas la cervoj! Ankaŭ tio estas novaĵo. Nova kiel la ĵus kreita natur-rezervato ĉe la Grimsel-pasejo.

Tiel do rigardas kaj atentas la luno sian amatan junulineton. Jen kaj jen ĝi fabelas pri malnovaj tempoj kaj ĉion intermiksas iomete, kiel maljunuloj tion ja faras. Ĝi rigardas novtempajn lunlumajn ekskursojn de la vaporboatoj kiel batal-kaj pilgrim-karavanojn. Ĝi rakontas pri gigantoj kaj nanoj, pri nimfoj kaj niksinoj. La trobadoroj denove agordas siajn liutojn. Tintas glavoj kaj ekbrilas ponardegoj. Estas ja luno-nokto, tial oni emas forgesi, ke la malnovaj tempoj ankaŭ estis severaj.

Severaj, certe jes. Sed el ili elkreskis ĉe ni sana nacieco, forta kaj moviĝema, ankaŭ hodiaŭ kun malgranda tereno, kalkulanta je la lavangoj kaj rokofaloj sed apude neniam forgesanta, ke Dio metis dimanĉon inter la ses laborplenaj tagoj, ke el laboro floras ĝojo. Pruvoj?

Rigardu la magazen-fenestrojn. Vi trovas flanke de la artaĉaĵo, kiun oni bedaŭrinde ankoraŭ ofte reklamas (pardonu!), multajn delikatajn aĵojn. Ili pruvas la artosenton. Kun amo oni skizis ilin, diligenteco ilin finlaboris.

Ĉiu terpeco instruas siajn loĝantojn. La Oberlandano neniam estis mallerta. Li posedas la amon al individua laboro. Tiu kreis liajn hejmecajn vilaĝojn, ĝi estas do tre parenca al la patruja amo. Tiu tamen kuŝas pli profunde. Tute meze en

**La grava ŝlosilo por ebligo de kongresvizito estas: ŝpari. Se vi jam hodiaŭ komencas, la ŝancoj estas des pli grandaj.**

la sangvarma koro. Sed ĝuste tial la Oberlandano neniam neglektis la batalon kaj defendon.

Ankaŭ hodiaŭ li luktas. Li faras tion kun granda kuraĝo. Ni kvardekjaruloj ankoraŭ bone memoras la militon. Ni konas, kion ĝi detruis. Rapidege ĝi meniigis malmodernaĵojn. Rapidege devis kreiĝi novaj aĵoj. La aŭtomobilo komencis sian triumfvojon. Ĝi postulis garaĝojn kaj pli bonajn stratojn. Tiam la homa voko mem aŭdiĝis: „pli da higieno, pli simpla dieto!" Ankaŭ tiun vokon oni komprenis. Jes, oni eĉ faris pli. El la ŝtona tereno kreiĝis strandbanejoj, semajnfinaj dometoj kaj novaj ludejoj. Ĉio fariĝis kvazaŭ vetkuro. Hodiaŭ oni atendas.

Jes, fariĝis somero. Pro tio ni ĝoju. Ni ĝoju pro la venontaj tagoj por grimpi junkrure sur la arĝentajn montokrestojn, sur la alpon, en la herbejon, kiu trembrilas pro la freŝa roso.

Ĉe la domangulo maljuna montgvidanto akrigas sian pinthakilon. Junulo propramane flikas siajn grimppantoflojn. Sur la bluaj akvoj balancas la elprovita ŝipareto de la motorrem- kaj vel- boatoj. Golf-batiloj kaj tenisbaloj jam estas pretaj, Dio scias, eble eĉ la forglitema fiŝhokkano.

Intersvarmado kaj ĉirpado. La orkestro jam estas agordita. La blu-okula helblondulino brilas en sia tuta pompo. Lasu ŝin zorgi pri vi per siaj helpemaj manoj. Vi sentos en ili patrinecon. Kaj — profunde rigardu en ŝiajn okulojn. Ŝiaj lumetoj donacas ĝojon. Kaj ĝojo donas vivkuraĝon. *F. R.* trad. *A. F.*

# Rigardo en la belan Svislandon

**Dum la 31a Universala Kongreso de Esperanto 1939 en Berno**

Ĉiu lando posedas siajn proprajn belaĵojn. Svislando estas konata tra la mondo ne nur pro sia sovaĝa alparo, pro la majesto de siaj pintoj el neĝo kaj glacio, pro siaj profundaj valoj kaj belegaj lagoj, sed ankaŭ pro la originaleco de siaj popolaj kutimoj. Estas do memkompreneble, ke la Loka Kongresa Komitato de la 31a Universala Kongreso de Esperanto en Bern, de la 29a de Julio ĝis la 5a de Aŭgusto 1939, tre deziras, havigi al siaj gastoj kiel eble plej bonan rigardon en la belaĵojn de Svislando.

Jam posttagmeze, post la malferma kunsido, oni verŝajne aranĝos du ekskursojn. La unua kondukos sur la *Gurten*, verda monteto en la sudo de Berno, kiu estas inter la plej belaj elvidejoj de la federala ĉefurbo. Sur la Gurten oni ĝuas unikan perspektivon de la malnova urbo Berno kaj de la montegaro. Tie ankaŭ troviĝas la nova golf-ludejo, la dumsomera plezurcentro de la urbo, en malmulta tempo atingebla per la elektra kaj la ŝnurfervojo. Sed ankaŭ piede la monteto estas facile alirebla kaj ebligas agrablajn promenadojn tra la arbaraj deklivoj. Kiu deziras iradi pli malproksimen, tiu povos partopreni la ekskurson per aŭtoĉaro super la Bernan Corniche. Tiu ĉi estas mirinda kaj kalejdoskopa veturado, monten kaj valen, super la Längenberg, plena je elvidoj, ĝis Wattenwil kaj Burgistein en la ĉarma valo de Stockern ĉe la piedo de la impona montoĉeno de la Stockhorn, do jam proksime de la svisa montegaro. La reveturo kondukas tra Thun kaj la larĝa valo de la Aare-rivero.

Por la 2a de Aŭgusto estas projektita ĝenerala ekskurso de la kongresanoj sur la Jungfraŭjoch. Tia ekskurso apartenas al la plej grandiozaj kaj rimarkindaj travivaĵoj de ĉiu vizitado al Svislando, ĉar ĝi kondukas en la mezon de la glaciaro en Bernaj Alpoj, kaj tion per la plej alta fervojo en Eŭropo (3600 m). El Berno oni veturas unue al la lago de Thun, poste laŭlonge de ĝi al la fama Interlaken kaj en la profunden enĉizitan valon de Laŭterbrunnen. De tie oni atingas, trans la sunoplenan verdan terason de Wengen, la Scheidegg kaj tiam per la Jungfraŭ-fervojo la glaciaron de la Eiger, de kie longa tunelo kondukas preter la stacioj Eigerwand kaj Eismeer (glaci-maro) sur la elvidoriĉan altaĵon de la Jungfraŭjoch.

Por la venonta tago, t. e. la 3a de Aŭgusto, denove belegaj ekskursoj estas projektitaj en la pli-malpli proksima ĉirkaŭaĵo de Berno. Inter aliaj: veturado super la intermonton Schallenberg, kiu ebligos komprenon de la originaleca kulturo en la belega Emmental; alia ekskurso kondukos al la Schwarzsee (nigra lago) kaj la sovaĝe disfentitaj montoj de la kantono Friburgo; kaj tria ekskurso celas la pentrindajn lagojn ĉe la piedo de la Juramontaro. Ankaŭ por la 4a de Aŭgusto diversaj ekskursoj estas projektitaj al la Berna Oberlando, la Jurao, la pejzaĝoj ĉirkaŭ Friburgo, k. t. p. Krom tio la Loka Kongresa Komitato proponos al la kongresanoj vicon da aliaj ĉarmaj ekskursoj pli grandaj, kaj libertempajn semajnojn en la plej allogaj partoj de Svislando. — Detala programo sekvos en la dua numero de nia Kongresa Gazeto.

# Memore al D-ro Eduard Spielmann

„Ĉiu vivo forpasas".

La tagon antaŭ pentekosto trafis nian rondon la dolora sciigo pri la morto de D-ro Spielmann. Meze de niaj antaŭpreparoj por la proksimjara kongreso, falĉisto morto vokis al si nian fervoran samideanon, en aĝo de 68 jaroj. Jam dum kelkaj jaroj la mortinto klopodis ricevi universalan kongreson por Bern, sed li, kiu vizitis tiel multajn kongresojn ne povis ĝisvivi sian plej grandan deziron: denove UK en Bern, lia vivotempo estis pli frue pasinta. La foriro estas granda perdo por la organizontoj, ne helpos al ni lia senlaca fervoro, liaj spertoj, zorgeme kolektitaj. Nun, en bona rememoro al la mortinto, ni provas labori en lia senco.

Al granda samideanaro li estis konata, la diligenta kongresvizitanto, kiu ofte salutis nome de la svisa Esperantistaro. Ni konis lin kiel ne ĉiam trankvilan referanton, li estis vera batalanto por Esperanto, kontraŭ mondlingvo reformuloj kaj atakantoj. Por li valoris nur la plej rapida vojo al la fina venko de la Zamenhofa idealo. Kiel direktoro de la Svisa Esperanto instituto li provis konvinki registarojn, firmaojn kaj la gazetaron por nia lingvo. Post sia pensioniĝo, tiu ofico lasis lin vivi por Esperanto kaj en Esperanto. Liaj sukcesoj tiurilate estas multflankaj, li estis vere la patro de multaj svisaj grupoj, en urboj kie ne estis Esperantistoj li aranĝis kurson, fondis grupon kiun li zorgeme flegis, ekzistantajn societojn li tiel fortigis.

Ni kunlaborintoj ĉiam admiris liajn sukcesojn ĉe kursgvidado, la entuziasmigon de la lernantoj je lernado kaj je



---

**Al informpetoj bonvolu aldoni internacian respondkuponon.**

aliĝo al la grupo. Vere la mortinto ne nur instruis la lingvon, same multe la amon je nia idealo, al ĉiu li donacis ion de sia Esperanto-koro. Robusta estis la ŝelo, sed despli nobla la interno, en unu vorto samideano.

Kiu pensis al tiel subita forpaso, kiam du semajnojn antaŭ sia morto D-ro Spielmann rakontis en rondo de Berna Esperantistaro pri sia Esperanto-historio. Kiel li lernis unue Volapük, nur poste Esperanton, kiun li fine elektis kiel sian vivocelon, kiel li travivis belajn horojn en Esperantista rondo; aŭ alifoje devis batali kontraŭ atakoj aŭ mokadoj, sed ĉiam li restis bonhumora. Ĝojigajn sukcesojn li rikoltis por ILEPTO, la faka asocio de PTT kiun li ĉiuflanke fortigis kaj kies honora prezidanto li fariĝis post sia demisio.

D-ro Spielmann estas morta sed lia laboro estas kaj restas neforgesebla por ni, ĝi portos fruktojn, pli belajn ol nia mortinto imagis.

Li ripozu en paco!

---

**Ne forgesu niajn glumarkojn. 100 pecoj 120 centimoj aŭ 4 internaciaj respondkuponoj.**

---

## Sopiro al la montoj

*de Teo Jung.*

Ofte en sonĝo
Vidas mi kreski montojn majestajn
En la senlimon;
Vidas perdiĝi
Pinglojn la pintajn, krutajn la krestojn
En malproksimon.

Tiam min kaptas
Sankta sopiro, ĉi-grandegulojn
Kur-almiliti,
Grimpi la pintojn;
Krestojn la blankajn, la senmakulajn
Venke viziti!

Teron deĵeti!
Spiti obstaklojn! Spiri liberon!
Tuŝi sublimon
De la Naturo!
Senti l'eternan, altan Misteron.
Dioproksimon!

Min fordronigi
En la ĉielan Sfer-oceanon!
Vidi la Dion!
Glore eniri
Dissolviĝante en la Nirvanon —
Ho, en la Ĉion . . .

Sonĝo sanktega! —
Kiam ĝi ŝanĝos sin je realo?
Revo — je vero?
Ho, mi ja penos,
Luktos, ne cedos al la fatalo:
Restas espero . . .

---

**Bern, ne grandurbo, sed plej taŭga kongresurbo kontentigos ankaŭ vin.**

**„Viziti Svislandon" via revo depost juneco efektiviĝu nun, kaptu la okazon, venu al la 31 a.**

---

## Unua listo de kongresanoj

1. Intendanto-Generalo L. Bastien, Paris, Francujo.
2. C. C. Goldsmith, Rickmansworth, Britujo.
3. J. Schmid, Bern, Svislando.
4. H. Buchli, Bern, Svislando.
5. D-ro W. de Lerber, Bern, Svislando.
6. Elektota Urbestraro de Bern.
7. O. Walder, Bern, Svislando.
8. M. Ardüser, Bern, Svislando.
9. F-ino G. A. Merz, Bern, Svislando.
10. A. Hilfiker, Bern, Svislando.
11. D-ro A. Ebert, Bern, Svislando.
12. E. Kohlund, Bern, Svislando.
13. M. Budliger, Bern, Svislando.
14. A. Pfister, Bern, Svislando.
15. P. W. Baas, Amsterdam, Nederlando.
16. Kapitano R. Bugge-Paulsen, Oslo, Norvegujo.
17. Prof. G. Canuto, Torino, Italujo.
18. D-ro J. Couteaux, Paris, Francujo.
19. E. Dahl, Uddevala, Svedujo.
20. R. Dubois, Paris, Francujo.
21. W. Grollemann, Culemborg, Nederlando.
22. K. Th. Hansen, Köbenhavn, Danujo.
23. F. Heikenwalder, Prostejov, Ĉeĥoslovakujo.
24. H. W. Hetzel, Philadelphia, Usono.
25. Rektoro S. Jansson, Lidingö, Svedujo.
26. D-ro P. Kempeneers, Uccle, Belgujo.
27. D-ro I. Lapenna, Zagreb, Jugoslavujo.
28. B. E. Long, London, Britujo.
29. A. C. Oliver, London, Britujo.
30. P. Petit, Rosny-sous-Bois, Francujo.
31. Prof. C. Scholze, Reichenberg-Liberec, Ĉeĥoslovakujo.
32. Seitaro Sindo, Osaka, Japanujo.

33—50 rezervitaj.

51. S-ino M. de Rycke, Gand, Belgujo.
52. D-ro R. G. Mäder, St. Gallen, Svislando.
53. S-ino Th. Mäder, St. Gallen, Svislando.
54. F-ino S. Holenstein, Azmoos, Svislando.
55. S-ino C. Goldsmith, Rickmansworth, Britujo.
56. J. Goldsmith, Rickmansworth, Britujo.
57. J. Perlet, Bern, Svislando.
58. E. Hofer, Bümpliz, Svislando.
59. M. Schläfli, Bern, Svislando.
60. L. Weber, Bern, Svislando.
61. R. Ch. Zollinger, La Chaux-de-Fonds, Svislando.
62. F-ino A. Früh, St. Gallen, Svislando.
63. F. Walther, Nieder-Gerlafingen, Svislando.
64. F-ino M. Jay, London, Britujo.

Entute 46 aliĝoj el 13 landoj.

---

**Profitu de la rabatita kongreskotizo, aliĝu baldaŭ.**



Printed in Switzerland.